WIKIPEDIA

# Hofburgo


Pordego de svisoj

La konstruado de la **Kortega Kastelo** (germane *Hofburg*) aŭ **Hofburgo** komenciĝis jam en la 13-a jarcento. La plej malnova parto nomiĝas Schweizerhof (korto de svisoj) kun gotika kastel-kapelo. Plivastiĝoj: Amalienburg, Leopolda Parto, Imperiestro-oficeja Parto, Mikaela Parto.

La kunigo de la konstrupartoj okazis en la 19-a jarcento. La Mikaela Parto kun Mikaela Pordego kaj centra kupolo, laŭ fasadpropono de Johann Bernhard Fischer von Erlach (Johano Bernhardo Fiŝer de Erlaĥ) estis finita en 1893. La Svisa Pordego kombinas la internan kastelkorton kun Svisa Korto, renesanca konstruaĵo el 1552. La Kortega Kastelo estas nun la sidejo de la federacia prezidento de Aŭstrio.

## Muzeoj


Michaelerplatz

La kultura parto estis malfermita al la publiko en 1958 kaj troviĝas en la Mikaela alo konstruita de la menciita arkitekto en 1889-1893 kaj nomitan laŭ la Preĝejo de Sankta Mikaelo, situanta kontraŭ ĝi en la Mikaelplaco[1].

Sub la sama tegmento tie gastas tri muzeoj: la Sisi-muzeo, la imperiestraj apartamentoj kaj la arĝenta kolekto[1].

Unuafojaj mencioj pri la Arĝenta kolekto aperas en la 15-a jarcento, dum regado de la imperiestroj Frederiko la 3-a kaj lia filo Maksimiliano la 1-a, la fama aŭspicianto de la artoj. En la ekspozicio estas prezentataj ne nur arĝentaĵoj, sed ankaŭ porcelanaĵoj[1].

La Arĝentan kolekton sekvas la imperiestraj apartamentoj kaj la Sisi-muzeo, okupantaj 24 ĉambrojn, ekde la imperia ŝtuparo ĝis dormejoj. La ejoj estas fasonitaj en la baroka stilo. Riĉe pentritaj stukaĵoj kaj valoraj bruselaj gobelenoj de la 17-a kaj 18-a jarcentoj, kandelingoj el bohemia vitro fare de la firmao J. & L. Lobmeyr kaj kahelfornoj, tegitaj je porcelano. Meblaro devenas ĉefe de la 19-a jarcento kaj reprezentas stilojn de Ludoviko la 15-a kaj empiron[1].

## Eksteraj ligiloj

- Hofburg Wien - Kaiserappartements, Sisi Museum und Silberkammer (http://www.hofburg-wien.at) (germane, angle kaj itale)
- Forschungsprojekt "Die Wiener Hofburg" (http://www.oeaw.ac.at/kunst/projekte/hofburg/hofburg.html) *(Österreichische Akademie der Wissenschaften,* germane)
- Informoj por turistoj (http://www.hofburg.wien.info/) (multlingve)

- Geschichte der Wiener Hofburg (http://www.hofburg.at/show_content.php?sid=31) *(Österreichische Präsidentschaftskanzlei)* (germane)
- Virtuala trairo (http://www.hofburg.at/show_content.php?sid=34) *(Österreichische Präsidentschaftskanzlei,* germane)
- Interreta enciklopedio pri Aŭstrio kun filmaro kaj bildaro (http://aeiou.iicm.tugraz.at/aeiou.encyclop.h/h713402.htm) (germane kaj angle)
- Stanislavo Belov (2018-07-24)Hofburgo: majesto kaj tragedioj de imperiestroj (http://www.webcitation.org/76Q3Byxjz) (esperante). Blogger. Arkivita el la originalo (http://stanobelov.blogspot.com/2018/06/hofburgo-majesto-kaj-tragedioj-de.html) je 2019-02-24. Alirita 2019-02-24. *(la impresoj de esperanto-vojaĝanto, 2016)*

# Referencoj


1. ↑ [1,0] [1,1] [1,2] [1,3] Stanislavo Belov (2018-07-24)Hofburgo: majesto kaj tragedioj de imperiestroj (http://www.webcitation.org/76Q3Byxjz) (esperante). Blogger. Arkivita el la originalo (http://stanobelov.blogspot.com/2018/06/hofburgo-majesto-kaj-tragedioj-de.html) je 2019-02-24. Alirita 2019-02-24.